# POLA ESPERANTISTO

(Esperantysta Polski)

MONATA GAZETO DE POLAJ ESPERANTISTOJ

JARO XVIII. WARSZAWA — JUNIO | JULIO 1924. № 6|7 (104|105)


Devizo: „Nur tio estas certa, kion ni ne atendas."

## La parazitaj meteoroj.

(Novelo.)

Mi estis ankoraŭ malgranda knabino, kiam, sidante sur mia malalta benketo staranta ĉe tia sama pinligna tableto, sur kiu kuŝis miaj ludiloj, mi aŭskultadis la interparoladojn de l'gepatroj. La temo de tiuj dialogoj estis plej ofte por mi malinteresa aŭ eĉ tute nekomprenebla, sed mian atenton frapis de tempo al tempo la fakto, ke mia patrino, kutime post finita konversacio, atendinte momenton, sopiris facile kaj ripetis kun esprimo de melankolio:

— Mi volus tamen scii, ĉu ni iam ekvidos la malfeliĉan Protazon!

Mia patro plej ofte respondis tiam:

— Se li ankoraŭ vivas, eble li ekdeziros nin iufoje revidi. Dio nur scias, kie li estas. Jam de preskaŭ dudek jaroj li ja ne sciigas nin pri sia farto. Poveble li ie pereis pro sia senpripensema kaj malkonsidera naturo.

Ĉi-tie mia patrino denove sopiradis, la patro skuadis la kapon kaj la parolado ĉesis.

Foje post unu el tiaj momentoj, mi demandis la patrinon.

— Diru al mi panjo, kiu estas tiu Protazo, pri kiu vi tiel ofte kun paĉjo parolas?

— Li estas via onklo — ŝi respondis — sed li trovas sin verŝajne tre malproksime de ĉi-tie kaj neniu scias, ĉu vi lin iam ekkonos.

Okazis iatempe, ke tiajn rememoradojn ĉeestadis onklo Filiberto, pli juna frato de mia patrino, kiu loĝis je kvar mejloj de nia kampara domo. Aŭdante ilin, li kuntiradis la brovojn kaj, svingante per mano, diradis:

— Ho, tiu nenionfaranto! Li tiom malŝparis kaj pereigis dum sia vivo! Dio lin gardu, sed mi dubas, ĉu li ekzistas ankoraŭ en tiu mondo!

Tiu Protazo, kiel mi poste sciiĝis, estis dua pli aĝa frato de l'patrino; jam kiel infano, li montris sin tiel mallaborema, obstina kaj incitanta aventurojn, ke li kaŭzis veran turmenton al siaj gepatroj. Ne nur li nenion lernis, sed ili estis poste devigataj pagi multfoje grandajn ŝuldojn de li faritajn.

Sed okazis unufoje, ke post severaj admonoj de l'patro, li ie malaperis el domo kaj post kelkaj monatoj, skribis el Ameriko, ke li tie esperas riĉiĝi pro spekulacioj, kiujn li projektas fari kaj, gajninte grandan monhavon per intencita edziĝo, li revenos hejmen kaj repagos al gepatroj la elspezojn kaŭzitajn pro lia disipeco.

Tamen pasis dekkelkaj jaroj, dum kiuj la gepatroj dotis mian patrinon, kiu jam estis edziniĝinta — kaj onklon Filiberton, kiu ricevinte sian monparton, aĉetis terbienon. Atinginte grandaĝon, ili mortis ambaŭ, unu baldaŭ post alia.

Pri onklo Protazo, oni povis supozi, ke li ie vivas, sed ankaŭ konjekti, ke li jam ne apartenas al vivantoj.

Venis tempo, kiam miaj gepatroj, pro plimultiĝo de l'infanaro, estis devigataj al granda ŝparemo, por ke iliaj enspezoj sufiĉu je kostoj de ĝia edukado. Onklo Filiberto ĵus pretiĝanta al edziĝa festo, havis multajn elspezojn por fari, pro la necesa rekonstruo de l'loĝejo.

Kiam unufoje, dum lia vizito, ni sidis ĉiuj posttagmeze sur la verando de nia domo, mi ekrimarkis iun mizeran veturilon, kiun tiris pene malgrasaj ĉevaloj kaj kiu fine haltis antaŭ la dompordo. Sur veturilo, krom la veturigisto, sidis kelkaj nekonataj personoj: viro, virino kaj tri infanoj.

La viro forsaltinte teren, helpis sian kunulinon kaj etularon fari la samon; poste, vigle li al ni proksimiĝis kaj ekrigardinte nin fikse, ekriis laŭte:

— Marcelino! Filiberto!.. — li kuris al ili, kun intenco ilin ĉirkaŭpremi. — Karaj gefratoj!

Surprizitaj per tiu neatendita saluto, la patrino kaj onklo, kun mirigitaj mienoj, faris kelkajn paŝojn malantaŭen; tiam la alveninto kriis plue.

— Ĉu vi do ne rekonis min? Mi ja estas Protazo, via samgepatra frato! Kaj jen mia edzino kaj idaro.

La virino sekvanta la edzon, alpaŝis kun ridetanta vizaĝo, por nin saluti.

Dum ni restis ankoraŭ iom rigidiĝintaj kaj senparolaj, Protazo observinte mian patron, aldonis rapide:

— Kaj vi sendube estas Klemenso, edzo de Marcelino? Mi konis vin ja, kiam vi estis ankoraŭ fraŭlo.

La patro jesis silente. Protazo vidante, ke niaj vizaĝoj esprimis dubon kaj heziton, eksplodis kun indigno:

— Nu, kial vi staras ĉiuj senmovaj kaj malafable agorditaj? Ĉu mi ne povas esperi ĉe vi fratan akcepton!

Tiam la patro etendinte manojn al li kaj lia edzino, diris grave:

— Vi eraras, Protazo, supozante, ke ni povus al vi rifuzi koran gastemon. Kontraŭe, vi estu la bonvenintoj. La miro de unuaj momentoj al ni malpermesis tuj ĉion kompreni kaj kredi tiun strangan okazon. Konsideru ja, ke pasis jam dudek jaroj, de kiam ni nin intervidis. Vi venu en ĉambron, kie vi povos aranĝi vin oportune.

Patrinjo kaj onklo Filiberto salutis ankaŭ la gefratojn, poste la patro kondukis ilin en difinitan gastoĉambron.

Starante flanke, mi observis atente la alveturintajn geparencojn kaj rimarkis, ke la vestoj de tuta familio aspektis tre foruzitaj; ĉi-tie kaj tie estis sur ili videblaj flikoj kaj truoj; la samajn ĝis nun mi vidis nur iafeje sur almozuloj. Tio ekmirigis min, precipe kiam mi rememoris, ke onklo Protazo skribis foje pri la esperebla riĉiĝo.

La geonkloj tuj ricevis abundan respermanĝon; poste, deklarinte, ke ili estas tro lacigitaj pro longa vojaĝo, ili frue kuŝiĝis.

Nun, la gepatroj sidiĝinte kun onklo Filiberto ĉe tablo, komencis duonvoĉan interparolon, kiu certe ne estis tre gaja, ĉar sur iliaj vizaĝoj pentris sin ĝeno kaj malkvieto.

Onklo Filiberto pasigis ankoraŭ ĉe ni tiun nokton, por sciiĝi sekvontan tagon, kiaj estis ĝuste la intencoj kaj projektoj de Protazo por la estonteco, ĉar antaŭsentante ion malagrablan, li preferis plej baldaŭ ĝin koni:

Duan tagon, la geonkloj venis por matenmanĝi kun ni. Poste, restis ĉe tablo nur la pli aĝaj personoj; al ni, infanoj' oni ordonis konduki la onklan idaron en ĝardenon kaj tie kun ĝi ludi. Sed mi restis kun ili nur momenton kaj rekomendinte al mia pli juna fratino la amuzadon de niaj gastetoj, mi revenis en ĉambron, ĉar pro intereso, kiun ekvekis en mi la alvenintaj geonkloj, mi deziris nepre ilin plue observi kaj aŭskulti. Stariĝinte nerimarkeble en angulo, mi vidis, ke la patro kun ambaŭ onkloj sidis ĉe unu tabloflanko, ĉe la dua estis sidanta la patrino kaj apud ŝi la parenca gastino.

Onklo Protazo en tiu momento forfuminte cigaron, leviĝis kaj diris kun iom plenda akcento:

— Estimataj kaj karaj gefratoj, vi vidas en kia stato ni ĉi-tien alveturis. Malgraŭ plej persistaj zorgoj kaj klopodoj, mi ne sukcesis dum longa vico da jaroj gajni tiom da mono, kiom kostas nia sintenado. Ĉiu mia plano montris sin malbonŝanca, do estis al mi neeble plibonigi nian pozicion. La bonespero, pri kiu mi skribis al vi, estas min trompinta; la dotmono de mia edzino ne estis tiel rimarkinda, kiel al mi ŝajnis. Vi do konsideru, ke tiamaniere ni ne povas pli longe ekzisti kaj vi devas nin helpi. Vi ambaŭ, Marcelino kaj Filiberto, ricevis ja certe belajn dotojn, sed al mi, la gepatroj nenion postlasis. Mi do rajtas pretendi, ke ĉiu el vi apartigu po unu triono el sia heredaĵo; tio estos formanta mian doton egala al la viaj. Nur tiamaniere fariĝos justa divido.

Mi rimarkis, ke post tiuj paroloj de Protazo, la fruntoj de tiuj, al kiuj ili estis adresitaj, malsereniĝis, ili ŝajnis deprimitaj. Sekvis momenta silento, fine, onklo Filiberto diris tre serioze:

— Ni volu reflekti, Protazo, ke viaj pretendoj tute ne estas rajtigitaj. Niaj monŝuldoj, kiujn nia patro pagis dum kelkaj jaroj, superis ja multfoje la postlasaĵojn, kiun li al ni ambaŭ destinis. La devo, kiun vi volas al ni altrudi, neniel ekzistas; ni ne povas konsenti al tia argumentado.

Onklo Protazo forte ruĝiĝis kaj ŝajnis konfuza, sed post momento, ekflamiĝinte, li ekkriis:

— Tia do estas via frata kompato kaj amo, kiun mi esperis trovi en viaj koroj! Ho, sed tio ne finiĝos tiel facile! Ni ne rezignos de niaj rajtoj kaj ne eksiĝos de ĉi-tie, ĝis kiam ni atingos tion, kion ni postulas. Vi ne seniĝos de ni pli frue, ho, ne!

Nun la patro, volante kvietigi la koleran inciton de l'bofrato, diris trankvile:

— Antaŭ ol fari al ni riproĉojn, vi pripensu, Protazo, ĉu estas pravaj viaj atakoj. Krom tio, ni nun posedas neniun kontantan monon kaj eĉ se ni sukcesus iamaniere al vi liveri la postulatan sumon, vi, kun via malŝparema naturo, estus ĝin senhalte dispersonta kaj denove via familio nenion pro ĝi profitus. Se vi ĝis nun ne eklernis labori, mi opinias, ke depost, certe nenio ankaŭ vin al laboro inkliniĝos. Tio estas ĉefe la kaŭzo por kiu ni ne intencas doni al vi monhelpon.

Protazo, dum la patro parolis, decidis kredeble fari nun alispecan provon, ĉar kun malsincera humileco kaj ruza rideto, li respondis:

— Vi ne estas prava, Klemenso, opiniante, ke mi ne scias labori. Mi ja neniam estis senokupita, nur la fortuno montris sin por mi ĉiam malfavora. Sen de nun, jes, mi ĵuras al vi, gekaruloj, ke ricevinte de vi mian apartenaĵon, mi klopodos pri ĉio tiel fervore, ke jam nenio al ni mankos ĝis fino de l'vivo.

Post tiu rezonado, fariĝis mallaŭte. Onklo Filiberto interŝanĝinte esplorajn kaj malkontentajn rigardojn kun la gepatroj, leviĝis de l'seĝo, kaj diris al ili:

— Nu, sed mi jam devas reveni hejman, kie atendas min gravaj aferoj. Se mi ĝis nun tie restis, mi tion faris por interkomunikiĝi precize kun Protazo; sed mi vidas bedaŭrinde, ke liajn senbazajn pretendojn oni ne povas efektivigi, do ne povas ankaŭ fariĝi inter li kaj ni ia interkonsento.

Li adiaŭis ĉiujn kaj al patro, kiu lin ĝis vestiblo akompanis, li aldonis:

— Ni penu nepre, Klemenso, trovi por li iun konvenan, mongajnan postenon, ĉar alie, li fariĝus netolerebla por ni ŝarĝo. Nu, mi ne envias al vi lian ĉeeston!

Li forveturis. Patro reveninte en ĉambron, malmulte parolis. Post tagmanĝo tre pasie konsumita de niaj gastoj, Protazo petis lin je iu deca vestaĵo, por anstataŭi tiun, kiun li nun surhavis, poste li iris en sian ĉambron por posttagmeza dormetado. Lia edzino siavice postulis, ke la patrinjo montru al ŝi virinan mastrejon, ŝi observis scivole ĉiun detalon, poste, ŝi faris aldonan rimarkon, ke la vestaĵetoj de ŝiaj infanoj estas jam ĉirkaŭŝiritaj pro longa uzado kaj komprenigis per aludoj, ke niaj infanaj vestoj, da kiuj, laŭ ŝia opinio, ni havis sendube „tro multe“, estus tre decaj, por ke ilin surmetu ŝiaj gebuboj.

Dum sekvintaj tagoj daŭris samaj aludoj kaj postuloj. Protazo senĉese ripetadis siajn riproĉojn kaj ofendajn vortojn, la onklino deziris ĉiam posedi ion novan, la infanoj bruis, faris malordon kaj ĉiutage ion frakasis aŭ difektis.

La gepatroj pro tiu malhonesta konduto de siaj bofratoj perdis sian bonhumoron, ĉar la domaj rilatoj fariĝis neelteneblaj, precipe, kiam onklo Protazo unutage anoncis kategorie, ke ili ne foriĝos de nia domo antaŭ la ricevo de l'pretendita „doto“.

Onklo Filiberto, tre okupita bejme, ĉesis tiutempe nin pli ofte viziti, li nur demandis letere la patron, ĉu la geparencoj ankoraŭ ĉe ni estadas kaj ricevinte respondon pri iliaj altrudaj atakoj, li deklaris, kun malĝoja decido, ke laŭ lia opinio, por ke tio ne daŭru plue, nur unu rimedo

bedaŭrinde restas, t. e. kontentigi iliajn kvazaŭajn rajtojn per ofero de dezirita mono, kvankam ĝia akiro estis tiam por ili ambaŭ treege malfacila.

Tial mi aŭdis unufoje, ke patro kun nubigita frunto diris al patrino:

— Mi estos vere devigata vendi kelkajn akrojn da tero por pagi al Protazo, kion li volas. Al niaj infanoj pro tio fariĝos maljustaĵo, sed ne ekzistas alia dissolvo por tiu afero.

Patrinjo malĝoje aldiris:

— Li uzu nun almenaŭ bone tiun mononl Eble post tiom da spertaĵoj kaj malsukcesoj, li scios esti prudenta.

Patro nenion respondis, nur laŭkutime skuis la kapon. Kaj post kelkaj tagoj, li faris interkonsenton kun unu el najbaroj, kiu jam delonge deziris aĉeti de li terpecon tuŝantan al lia posedaĵo. La kontrakto estis baldaŭ farita kaj kiam la patro ricevis fine la monon, li tuj sciigis pri tiu fakto onklon Filiberton kaj nun atendis nur lian alvenon, por fini la malagrablan taskon.

Efektive, la onklo post kelkaj tagoj alveturis. Li rakontis, ke pro manko de mono (ĉar tiu, kiun li ĝis nun ŝparis, estis elspezita por domriparado), li estis devigata, kun multaj embarasoj, serĉi pruntedonanton kaj trovinte fine iun, kiu tamen postulis tre altan procenton, li alportas la monon, por plej rapide ekdoti la fraton — kaj lin ekspedi.

Lia interparolado kun la gepatroj daŭris ankoraŭ, kiam onklo Protazo, rimarkinte tra fenestro lian alveturon, enkuris en ĉambron, ankoraŭ ne tute vestita kaj salutinte malzorge ambaŭ fratojn, li fiksis en ilin siajn okulojn, kvazaŭ antaŭsentante monan aferon. Kiam, esplorante iliajn movojn, li vidis, ke elpoŝiginte papermonujojn, ili malfermis kaj metis ilin sur tablon, lia rigardo ekflamis kaj kun ia febra incito, li atendis malpacience kio sekvos.

La patro tiam alparolis:

— Ni provis antaŭe al vi persvadi, Protazo, ke laŭleĝe, ni nenion al vi ŝuldas, do havas neniun devon plenumi viajn imagajn pretendadojn, sed ĉar vi ŝajnas ne esti tion kompreninta kaj restante ĉi-tie senokupe, perdas nur multvaloran tempon, ni klopodis kun granda penego kaj propra malgajno, eltiri monon, por ĝin al vi donaci. Nun vi havas trionon de tuta heredaĵo. Subskribu do la kvitancon, kiu atestas la ricevon kaj deklaron, ke vi de nun, ĝis vivfino, neniun postulon jam al ni havos.

Protazo, per tremantaj manoj, kaptinte plumon, metis sur papero sian subskribon, poste, etendis fingrojn al bankbileta amaso — sed Filiberto, reteninte lin per gesto, diris:

— Konsideru tamen, Protazo, kian uzon vi devas nun fari de tiu sufiĉe rimarkinda sumo. Mi konsilas al vi serĉi ian decan, profitdonantan okupon, por plua vivtenado, ĉar tio, kion vi ricevis helpos vin nur por komenco de iu entrepreno. Pripensu ja vian devon de familipatro...

Sed Protazo jam ne aŭskultis la lastajn vortojn de sia frato; li etendis manojn tra tablo, kaj alŝovinte al si, preskaŭ perforte, la valorpaperojn, nur ekbalbutis:

— Ho jes, jes! vi konvinkiĝos, ke mi bone ilin uzos. Ni de nun estos tre fervore laborantaj kaj fariĝos certe tre riĉaj. Ho, jes!.. Kaj hodiaŭ ni jam forveturos, ĉar nia estado, kiel mi ekrimarkis, ne estas por vi tre agrabla. Neniam ĉi-tien ni revenos, repreninte jam tion, kio estis nia propvaĵo!

Li saltleviĝis de l'seĝo kaj kun biletoj flirtantaj en manoj, li trakuris ĉambron. Kiam li malaperis en pordo, la patro, skuante denove kapon, diris:

— Kiel bone estus, se li plenumus siajn certigadojn! Ĉu vi opinias, Filiberto, ke li persistos en sia bela intenco?

— Bedaŭrinde, mi multe dubas. Ŝajnas al mi, ke tiu homo jam ne scius sin devigi al laboro!

Kaj, ĉar li ne povis resti ĉe ni pli longe, Filiberto adiaŭinte nin, forveturis eĉ antaŭ la tagmanĝo, malgraŭ la invitoj de l'gepatroj.

Anstataŭe, Protazo kaj lia familio, sidiĝinte ĉe tablo, manĝis ĉi-tiufoje pli avide kaj pli multe ol iam ajn antaŭe. Li estis en bonega humoro, kaj apenaŭ viŝinte buŝon, li turnis sin al patro kaj diris:

— Nun, Klemenso, disponu por ni ĉevalojn al gubernia urbo, ĉar ni tien veturos.

La gubernia urbo estis de ni malproksima je 11 mejloj, sed ĉar la patro decidis en nenio kontraŭstari al la forveturonto, li foriris por fari rilatan disponon. La bona patrino preparis dume grandan pakaĵon kun manĝprovizoj, por ke la geparencoj ne malsatiĝu voje. Kiam en la donacitaj vojaĝvestoj ili venis por nin adiaŭi, neniu dankvorto aŭdiĝis de ilia flanko, sed ankaŭ neniun riproĉon ili de ni aŭdis, nur bonkorajn kaj honestajn salutojn kun deziro de bonfarto kaj prospera vojaĝo.

Post ilia forveturo, ĉesis en nia domo longedaŭra ĝeno kaj ĥaoso. La patrino respiris libere kaj en interparoladoj kun la patro, jam ne rememorigadis kun sopiro, kiel antaŭe, pri la supozo iam revidi la „malfeliĉan Protazon". Ambaŭ evitis de nun iajn ajn koncernajn aludojn kaj ŝajnis, kvazaŭ ili tute forgesis siajn altrudajn gastojn.

Pasis ia tempo. En nia domo, krom la alpreno de l'intruistino, por ke ni infanoj komencu pli serioze ol ĝis nun, lernadi — nenio cetere ŝanĝiĝis. Nur la patro duoble de nun laboris por kompensi la perdon de l'vendita terpeco — kaj la patrino ankoraŭ pli fervore mastrumadis por sufiĉi al pligrandigitaj elspezoj. Onklo Filiberto estis devigata fari prokraston de sia edziĝtago, por ĝisatendi ian egalpezon en la financaferoj.

Aliveturinte unufoje, li diris, ke malgraŭ sia bondeziro por la devojiĝinta frato, li preferus nek lin vidi, nek pri li aŭdi, ĝis fino de sia vivo. Ĉiu el ni sentis la samon, sen eĉ riproĉi al si tiun deziron. Sed okazis, ke ĝi nur duone efektiviĝis, ĉar ni sciiĝis neatendite strangan novaĵon pri niaj malsimpatiaj geparencoj.

Jen, pasis apenaŭ dekkelkaj semajnoj post ilia foresto, kiam vizitis nin iu konatulo, delonge ne vidata kaj loĝanta en la guberniurbo. Post diversaj interdemandoj kaj rakontoj pri lastaj okazintaĵoj, la gasto fine diris:

— Nu, okazis ankaŭ ĉe ni unu neordinaraĵo, pri kiu parolas ĝis nun tuta urbanaro.

— Kia do estis tiu okazo? — demandis la patrino.

— Ho, vi aŭskultu: Antaŭ pli ol du monataj, aperis en nia urbo unu nekonata paro da geedzoj kun tri infanoj. Oni povis ilin vidi ĉiutage en diversaj lokoj, ĉie malŝpare elspezantajn monon. Ekloĝinte en plej pompa hotelo, ili alvenadis ĉiam al unuarangaj restoracioj. Krom tio, ili ĉeestadis ĉiujn koncertojn, teatrajn prezentadojn k. s. ĉiam riĉe kaj eĉ luksevestitaj. Perloj, silko kaj puntoj, per kiuj ornamis sin tiu sinjorino, ekvekis envion de l'lokaj elegantulinoj.

— Multaj personoj en la urbo penis pro scivolemo, ekkoni la nomon de tiuj geaperintoj, sed ĉar la sinjoro malpermesis al hotelisto ĝin al iu ajn komuniki, ĝi estis nesciata. Oni do supozis, ke li estis iu eksterlanda princo, kiu pro iu kaŭzo kaŝas sian identecon — sed ĉio restis nur nesolvita enigmo.

Subite, la mistera geedzparo ĉesis aperadi publike kaj nelonge poste, oni vidadis kelkfoje tutan familion en tre mizeraj vestoj; — fine, pro faritaj ŝuldoj, ili estis persekutitaj kaj verŝajne forkuris, ĉar depost, neniu ilin renkontis kaj ilia plua sorto restis nekonata.

Mia patrino profunde eksopiris; la patro jam malfermis buŝon, certe por komprenigi al la rakontanto tutan intersekvon de l'konata al li fakto — sed li haltis.

Kiam ni restis solaj, li diris al patrino:

— Mi ne volis citi la nomon de l'malfeliĉuloj; ĝi restu nekonata de la aliaj... Tamen plenumiĝis la antaŭdiro de Filiberto: tiu homo restis nekuracebla!..

La patrino nenion respondis, sed mi vidis, ke ŝi havis larmojn en okuloj.

Al mi fariĝis ankaŭ tre malĝoje, kvankam mi tiam ne komprenis ankoraŭ tutan gravecon de l'fatala situacio, kiun kreis al si memvole la malkonsideraj geonkloj.

Nun mi rememoras ofte ilian ĉe ni eŝtadon, kun ĉiuj detaloj, kies impreso restis al mi por ĉiam neforgesebla — kaj mi konkludas, ke la estaĵoj tiaj, kiel onklo Protazo, kredeble ne komprenas la celon, por kiu ili ekzistas en mondo. Ili trakuras ĝin, aperante ĉi-tie kaj tie kaj same subite malaperante, kvazaŭ meteoroj, ĉiam pelataj de l'nehaltigebla soifo ĝui la fruktojn de fremda laboro; kaj lasante post si pereon kaj ruinon, dronas fine en forgesondo.

Al siaj proksimuloj ili povas nur servi kiel fortimiganta ekzemplo de terura, pereiga, senhonta mallaboremo.

**Helena Hempel.**

# Balado
## pri aspiranta poeta embriaro.

*Fidoj, duboj, songoj, malesperoj!...*
*Baraktanta koro de l'poeto!*
*De korluktoj enaj la vesperoj,*
*Noktoj de droniga malkvieto!...*

*Kiam pri estonto ni ekrevas,*
*Pri venontaj tagoj de l'homaro,*
*Tiam korojn la vekbildo levas:*
*Nia diligenta kolegaro.*

*Staras ĉi-senlacaj, plenmeritaj*
*Majstroj... (de konkiroj nia feto),*
*Kavaliroj hardaj, senhezitaj —*
*Brila de verkistoj popoleto...*

*Ĉi-sablere nombraj laborantoj,*
*Persistemo-idoj sen ekstaro,*
*Superhome fortaj la gigantoj,*
*Nia diligenta kolegaro.*

*Do nin ankaŭ dum de l'revoj daŭro*
*Logas de splendoroj la koketo:*
*Sur tempioj niaj verda laŭro*
*Jen por noveleto... versaĵeto...*
*Por knedita en la sanga ŝvito*
*Tradukaĵo... (voĉos pres-deklaro),*
*Por ĉielenfluga prov'-imito...*
*Nia diligenta kolegaro.*

*Muzo! Muzo! Venu en okazo*
*Kiam nin forlogos majstro-faro,*
*Kiam lipoj flustros en ekstazo:*
*Nia diligenta kolegaro...*

**Stanisław Braun**

# Gruoj.

*Per longa vico, kiel karavano,*
*Al land' transmara jen elflugis gruoj*
*De miaj pensoj, kiel ondaj fluoj*
*Trans oceano.*

*Trans oceano, kie eble maje*
*Floras printempo kaj ĝoj' senĉagrena —*
*Ili elflugis... vojaĝ' senrevena —*
*Kiel malgaje...*

*Kiel malgaje.. ho, pensoj vi miaj,*
*Kien sopiro vin pelas kruele?*
*Ĉu vin origos ie suno hele —*
*Briloj radiaj?*

*Briloj radiaj de la kor' kaprico,*
*Kien kondukas vin 'luma mano?*
*Gruoj elflugis, kiel karavano,*
*Per longa vico.*

**Stanisław Braun**



**Kazimierz Tetmajer.**

# MI ŜATAS..

Mi ŝatas ĉi-momenton, dum kiu en sveno
Virino en pasia pendas ĉirkaŭpreno,
Kiam nebuliĝis okul', vang' fariĝis pala
Kaj senscie malfermas sin lipo korala.

Ŝatas, kiam ŝi pro deziroj kaj pasioj tremas,
Kiam ŝi per fingretoj forte brakojn premas,
Kiam spiras per spiro mallonga, retena,
Kiam sin donas tute kun rideto svena.

Kaj honton ŝatas, kiu ne povas permesi,
Al ŝi sentatan ĝuon furiozan konfesi,
Kiam pasioj venkis ĉiujn ŝiajn fortojn
Kaj ŝi kisas timante rigardon kaj vortojn.

Ŝatas tion — kaj ŝatas ĉi-tiun momenton,
Kiam ŝi elĉerpita kuŝas kaj sen sento,
Kaj pens' mia de ŝi jam flugas for el tero
En senlimajn vastaĵojn de blua etero.

El la pola lingvo tradukis
*Br. Kuhl.*

**Juljan Ursyn Niemcewicz**
**(1758 - 1841)**

# La kursoj en koto.

**(Fabelo el la tempo de Grandprinco Konstanty)**

Ĉiu ja scias sen lerno eĉ peza,
Ke Kaligulo freneza
Por montri sin vera Romanestimulo
Ĉevalon sian nomis konsulo.

Sed pli kurioza: Laŭ ĵurnalisto
Abbè Majo sciencisto
Retrovis parton al verko Svetona,
Kie eksces' de Cezaro malbona

Troviĝas jena: Post regaldrinkado
Por konsuloj, nobelanoj,
Por ĉiuj la korteganoj
Iĝis kurs' de kotirado.

Kaj laŭ ordono en unu momento
Profunda kota torento
Troviĝis laŭ la destino,
El edikto eksciis viro kaj virino,

Ke por en koto trempiĝinta aro —
— Se eĉ indignos la fi-stultularo —
Pretiĝas inda por tio favoro:
Kurula seĝo de konsul', kvestoro!

Kaj jen konkuris pro vera glorego
Romaj rajdistoj, senato, kortego.
Eĉ Kaligulo transe de marĉujo
Sidis kun ora krevdika monujo.

Kaj ĵus trumpetoj: la vetema roto
Streĉante kapon, jen are, jen ope
Ĵus alkuras al la koto.
Unu trotkuras, dua laŭgalope.

Kaj jen ekkrio: Mi jam eniĝinta
Tiom, ke vesto jam malpuriĝinta!
Alia, kiu en marĉo sin svingas,
Krias: „Marĉ' mian jam kolon atingas!"

La tria, certa pri premijuveloj,
Krias: „Min koto ŝprucis ĝis oreloj!"
Post ili resta kanajlar' lacspira
Laŭ pov' el koto trenas sin reira.

Jam for vetkuro: kaj bravaj venkuloj
Elrampas noblaj impertinentuloj,
Stariĝas vicen premion petante,
Sed Kaligulo aŭdiĝis dirante:

„Senato-patroj, popolo, aŭskultu!
Sed mian tronon jam ne plu insultu,
Ke mi, aŭ avo, la nobla Aŭgusto,
Detruis liberon laŭ sia bongusto,

Ke vi ne vidas, ol nurajn tiranojn!
Rigardu tamen ĉi-nunajn Romanojn!
Diru, ĉu Fabius, ĉu bravaj Scipionoj,
Paŭlus Emilius, severaj Katonoj,

De patrujrajtoj la noblaj gardintoj
Ĉu estus same en koton marŝintoj?
Ĉiu—eĉ se mi kuraĝus ordoni —
Preferus morti, ol honton fordoni!

Post gloraj prapatroj jen nur degenero:
Ĉu estas doninda al tiuj libero?
Do cedu al mia frenezo la Romo:
La ekshontiĝinta—sklavinda nur homo!"

Tradukis:
*Józef Orzech.*

Inowrocław.

Adolf Dygasiński.

# Hunda sorto.

En antaŭurbo, ĉe barilo de iu suden turnita ĝardeno, kuŝis la ĉashundino Normo, ŝirmante per sia korpo kvar hundidojn ankoraŭ preskaŭ blindajn. La malgrandaj hundidoj konstante kaptis la mamojn de l'patrino, sed el tiuj mamoj ne povis eltiri eĉ guton da lakto; ili do moviĝis maltrankvile, aŭdigante malpaciencajn murmurojn kaj hurletojn.

Kaj Normo konstante etendis al la infanoj siajn malplenajn mamojn, en kiuj ili vane serĉis nutraĵon. Tial ili elrampis desub la patrino, unu post la alia, mallerte ruliĝis sur siaj piedetoj: proksimiĝis al la patrino de antaŭe, alpremis sin al ŝia buŝo, al la oreloj kaj okuloj, ŝajnis demandi:

— Patrino, kion signifas tio-ĉi? Jen vi donis al ni la vivon kaj vi ne povas nin vivteni?... Ni mortos pro malsato!

La hundo-patrino malgaje rigardis la idaron, fermetis la okulojn kaj komencis la infanojn leki laŭvice kaj zorgeme per la lango. Eble ŝi deziris la malsaton de siaj idoj mildigi per dorloto. Ŝi leviĝis de la loko, rektiĝis kaj starante submetis al la hundidoj sian mamon por suĉi. Ili ĉiuj ĵetis sin al ŝi, alkroĉis sin, kvazaŭ hirudoj, ekpendis, ŝiris ŝin suĉante kaj tirante sian patrinon. Normo estis besto malgrasa, mizeriĝinta, ŝia hararo kelkloke tute foriĝis, ŝi tremis, apenaŭ povis stari sur la piedoj, ŝiaj oreloj kaj kolo estis kovrita per necikatriĝintaj vundoj, sur kiuj ĉirkaŭe sidis la muŝoj. La idoj suĉante la starantan patrinon ankaŭ nun ne trovis en ŝiaj mamoj lakton, tial komencis ŝin vundi, ŝian sangon suĉprovi; tamen ŝi eĉ da sango malmulte havis.

La hundidoj lacaj pro multaj kaj vanaj penadoj kuŝiĝis fine sur la tero unu apud la alia kaj kunpremitaj kvazaŭ unu volvaĵo ekdormis. Ian tempo staris ĉe ili la patrino, lekante kaj zorge flegante ilin, kvazaŭ ŝi lulis siajn etajn infanojn. Kaj kiam la dormo plene ĉirkaŭprenis la idaron, ŝi mem ekiris en la mondon por almozi. Ŝi iris inter la homojn... Kien ja povis iri la hundo?

Ŝi eniris en plej proksiman domon en la urbo; tie ŝi ekflaris ian plezuran odoron, tial haltis ĉe la pordo de l'kuirejo kaj staris mizera kun la humileco de almozulino.

Ŝi staris longe, fine malpacienciĝis: delikate ekgratis per la piedo la enirejon. La pordo malfermiĝis, iu maljuna virino kun suprenlevitaj manikoj, ruĝiĝinta pro kuireja ardo, videble kuiristino, elrigardis; ŝi rimarkis la hundon kaj fie insultis:

— Nu! vidu bestaĉon!... Frapas la pordon kvazaŭ homo... Ĉu ci ne foriros, hundanimo!

Kaj kun tiuj vortoj komencis la kuiristino serĉi fajroferon por puni la beston, kiu kuraĝis proksimiĝi al ŝia pordo. Normo staris kvieta, malforta, ŝanceliĝanta, ŝajnis per la rigardo petegi almozon. La kuiristino trovis punilon, alsaltis al la hundo kaj frapis dufoje. La hundo ne forkuris, ne ekhurlis, kvazaŭ tiuj frapoj ne estis por ŝi la plej dolorigaj en la vivo... La kuiristino levis la manon por la tria fojo, tamen ne frapis plu, sed kun terurega insulto brufermis la pordon.

Per necerta paŝo foriris la hunda patrino de la malgastama sojlo kaj iris plue al alia domo. Tie sur la korto renkontis ŝin la domgardisto armita per balailo kun tre longa bastono.

— Ankaŭ ci, hundfrato, venadu kaj faru malordon!... — ekkriis la gardisto forbalaante forte la hundon trans la pordon.

Normo enfalis nun konfuzite en ian gastodomon, kies pordo estis larĝe malfermita, ĉar ĝuste enveturis tien veturilo kun gasto. La hotelservistoj ŝin ne forpelis; oni pensis, ke la hundo venis kune kun la veturilo, kaj apartenas al la gasto. La gasto forlasis la veturilon kaj iris en la ĉambron, kiun oni montris al li. Normo sekvis lin kaj en la malluma koridoro kuŝiĝis ĉe la pordo, malantaŭ kiu malaperis tiu gasto. Ŝi sentis mankon de fortoj; povis nek stari, nek iri. Post iu tempo ekgratis la pordon. La gasto malfermis; li havis vizaĝon ruĝetan, simpatian. Kiam li ekvidis la hundon, tiu amike kvankam malforte svingis la voston.

— Venu hundeto!... — Vokis la homo kaj enlasis la hundon en la ĉambron. Normo apenaŭ povis transpaŝi la sojlon; eniris kaj la simpatia homo ĵetis al ŝi iajn restaĵojn de pano kaj

kolbaso, per kiuj li sin ĝuste regalis post la vojaĝo; avide kaj manĝeme ĵetis sin la hunda patrino al tiuj frandaĵoj, tamen la makzeloj videble rifuzis jam al ŝi obeemon, ĉar ŝi ne plu povis maĉi kaj la kaptita peco elfalis el ŝia buŝo sur la plankon. Ŝi alrigardis la manĝaĵon, rigardis al la homo en la okulojn kun iu malĝojo, ekŝanceliĝis per la tuta korpo kaj falis. Al Normo proksimiĝis la lasta momento del' vivo... Ŝi rememoris nun siajn etajn infanojn, kiujn ŝi lasis apud la barilo malsatajn sen iu zorgo. Kaj terure premiĝis la patrina koro; ŝi elspiris ĝemon mallaŭtan, malĝojan, poste levis iom la kapon kaj per voĉo rompita, ŝirata ekhurlis tiel penetreme malĝoje, ke tiu voĉo timigis la gaston. Tial li sonorigis kaj vokinte serviston diris:

— Forigu ĉi-tiun beston. Kia malordo! Kia malordo en la hotelo! La hundoj vagas kaj malkvieti as la gastojn.

Je tiuj vortoj la servisto piedfrapis forte Normon; sed ŝi ne leviĝis, ne ekĝemis. La servisto alportis broson kaj komencis bati la hundon forpelante el la ĉambro. Li frapis kelkfoje, tamen la hundo ŝajnis sensenta je la ricevataj frapoj. Tiam la servisto kaptis Normon je la vosto kaj eltrenis sur la koridoron, poste vokis la gardiston kaj ordonis forĵeti la hundon al balaaĵejo.

Nun jam trankvile malantaŭ la staloj, sur amaso da balaaĵoj kuŝis Normo senforte; nebulo kovris ŝiajn okulojn, el la buŝo fluis ŝaŭmo, kaj ŝi finis la vivon havante antaŭ si la bildon de l' infanoj lasitaj senhelpe apud la ĝardenbarilo.

De la staloj aŭdiĝis homaj voĉoj, aŭdiĝis ĉevaloj maĉantaj avenon kaj tintado de ĉenoj; malantaŭ la barilo bojis hundoj ludantaj sur herbejo. El la balaaĵejo eliris grizaj ratoj, singarde proksimiĝis al agonianta Normo, rapide movis la lipharojn kaj fiksis en ŝi siajn malgrandajn penetremajn okuletojn...

Ŝi rigardis lastfoje la helan sunon, ektremis, kaj la ratoj kaŝiĝis en truoj. Post momento aperis sur la balaaĵejo granda nombro da ratoj; ĉiuj iris kuraĝe al Normo, kiu ne vivis plu...

**El la pola lingvo tradukis**
**Br. Kuhl.**



# Libroj kaj gazetoj.

*„Al eterna paco" de Kant kaj „Eŭropo ĉe la abismo" de Nitti, kelkaj rimarkoj kaŭze de esperanta traduko de tiuj verkoj*

Du gravajn verkojn en esperanta traduko ni ricevis: la unuan de naskita sur germana tero filozofo, kiu kiel granda de tiu mondo saĝulo, apartenas jam al tuta civilizita homaro, la duan — de eminenta itala politikisto, kiu ludis rolon en daŭro de la granda milito kaj dum la tempo de farado de packontraktoj, kaj kiu pretendas aparteni al homaro kiel tiu, kiu montras erarojn faritajn kaj vojojn al riparado.

Ni ricevis filozofian traktaĵon de Kant „Al eterna paco" kaj „Eŭropo ĉe la abismo" de Nitti. Kant, Königsberga filozofo, naskita estis sur tero, al kiu neantaŭvidema pola princo mazovia alvokis monahan ordenon de krucmilitistoj, por ke ili konvertu al vera kristana religio tie loĝintajn idolanajn Prusojn. Kaj konvertadis la krucmilitistoj per fajro kaj glavo, ĝis la tuta prusa loĝantaro estis ekstermita, kaj ili kolonizis tiun landon per germana popolo, kreinte sur la nordorienta limo de Polujo kolonion, kiu poste, kuniĝinte kun la sur okcidenta limo de vasta Polujo kuŝantaj posedaĵoj de brandenburgaj margrafoj, donis la komencon al Ŝtato, kiu ricevis la nomon: Prusujo kaj ĝia loĝantaro — Prusoj, hereditan post la tute malaperinta gento de Prusoj.

La verko de Kant estis skribita en tempo ne malproksima, kiam Eŭropo sangis en fajregoj de sepjara milito, dum kiu Prusujo forprenis de la diverspopola Austrujo la Silezion, la praavan posedaĵon de polaj Piastoj, de kiuj „Austria felix nube" pere de dukedziĝoj eksposedis tiun polan perlon, kiun Aŭstrujo poste en okcidenta parto preskaŭ tute germaniĝis. Nur en la orienta restis pola gento, per manoj siaj elprenante el la tero kaj forĝanta la sennombrajn riĉaĵojn de sia tero por la Prusoj kaj Germanoj, kiuj persekutis ĝian patran lingvon kaj senigadis ĝin de teraj posedaĵoj, sur kiuj ĝi de jarmiloj sidis, ĝin forpeladis, kolonizante tiun teron pere de elemento tute germana kaj „certa je la politika vidpunkto".

La verko de Kant estis skribita en la sama tempo, kiam en Eŭropo estis farita unu el la plej grandoj krimoj: la mortigo kaj la disŝiro de vivanta granda popolo. Por fari tiun krimon devis sin kuniĝi tri tiutempaj grandaj potencoj: Prusujo, Rusujo kaj Aŭstrujo, kaj ili disŝiris la vivantan korpon de la pola popolo, sed ĝian animon ili ne povis detrui; ili disŝiris ĝin en la momento, kiam tiu popolo alvenis al la konscio de faritaj

eraroj, kiam ĝi ekleviĝis de la anarkio, en kiun pelis ĝin unuflanke la altkreska memsento de individua libereco, kaj aliflanke la rabavidemo de ĝiaj najbaroj kaj devenanta de tio ilia politiko, perfide garantiinta ĝian netuŝeblecon, kiu alkondukis al ĝia senarmigo. Ili konstante subtenadis ĉiujn malpacojn religiajn kaj naciajn por propra profito. Kiaj kiam la pola popolo en la konstitucio de 3 Majo, unu el la plej liberemaj en tiu tempo, certigis al si sufiĉan armeon kaj la neeblecon de reveno al samaj eraroj, tiam ili disŝiris tiun grandan Ŝtaton, kiu nun post la fino de la granda milito atingis apenaŭ la duonon de sia iama teritoria grandeco.

La provizoraj kaj definitivaj artikoloj de Kanta „Al eterna paco" sonas treege solene. Neniu packontrakto estu valida, en kiu oni sekrete rezervis eblon por estonta milito. Oni ne permesu, ke iu Ŝtato aligu al si alian, per heredo, interŝanĝo, aĉeto aŭ donaco. Oni ĉesigu la ekziston de ĉiam pretaj armeoj. Oni ne rajtu fari Ŝtatŝuldojn rilate al eksteraj aferoj de la Ŝtatoj (trezoro por la militpreteco). Neniu Ŝtato sin enmiksu en la konstitucion kaj regadon de alia Ŝtato kaj permesu al si malamikaĵon, kiu post paciĝo malebligos la reciprokan fidon, nome: dungo de murdistoj, venenigistoj, ignoro de kapitulacio, instigo al perfido. La burĝa konstitucio en ĉiu Ŝtato estu respublika. La juro inter popoloj estu bazita sur konfedero de liberaj Ŝtatoj. La kosmopolita rajto estu limigata al kondiĉoj de ĝenerala gastebleco. La naturo komence elektis militon, kiel stimulon, kiu pelis homojn ĝis la plej malproksimaj limoj de la tero, la milito ŝajnas esti grefita al la homa karaktero, se ni la homojn rigardas kiel specialan tipon bestan, sed la komplekso de kunestantaj kontraŭaj interesoj de ĉeestantaj Ŝtatoj, celantaj al limigado unu la alian evolucie, kondukis al kompreno, ke necesa estas starigo de juro komune deviga por ĉiuj. La problemo metita antaŭ la homoj de la naturo estis jena.

Arojn da homoj kaj popoloj, kiuj por ilia sendanĝereco bezonas leĝojn komune devigajn, sed el kiuj ĉiu aparta kaŝe celas al malobeo rilate la aliajn, oni devas tiamaniere ordigi, ke ili donu al si konstitucion, kiu devige efiku tian rezulton kvazaŭ la homoj kaj la popoloj ne havus celadojn malbonajn kaj malamikajn, rilate unu la alian. La konsideroj de filozofoj devas esti atentataj, ĉar la juristoj ofte, kiam la pesilo de justeco ne falas laŭ ilia volonto, konsilas ekkapti la glavon. Al la justeco dum la diversaj konfliktaj oni ne devas apliki la principon, ke honesto estas pli bona, al ĉiu politiko. Ni povas al ni imagi moralan politikiston, kiu, kiel Ŝtata viro, agas laŭ la ordonoj de la moralo sed estas malfacile imagi politikan moraliston, kiu formas sian moralon laŭ tio, kion la diplomato konsideras taŭga por tia aŭ alia celo.

Tiaj diplomataj principoj, kiel: 1) Fac et excusa (faru antaŭe, kaj poste penu trovi pretekstojn, kiajn ajn vi nur povos, por klarigi vian agadon maljustan kaj malhonestan), 2) Si fecisti nega (neu, kvankam vi faris, sin trovos tiaj, kiuj kredos, aŭ kiuj ŝajnigos esti kredantaj, forte nur tion deziru, 3) Divide et impera (dividu, incitu, faru malpacigojn inter unu kaj alia, kaj vi sukcesos komandi kaj regi). Tiaj principoj devas esti por ĉiam forigataj, ili estas principoj de politikmoralisto, sed ne de morala politikisto, kiun nur devigu la principo: „Agu tiamaniere, ke vi povu konsenti, ke viaj agadprincipoj estu komune deviga leĝo, ĉu la celo estas tia aŭ alia, ĉu la agado koncernas vian aŭ alian personon, vian aŭ alian popolon. Ne estu konflikto inter moralo kaj politiko, sed nepre ekzistu inter ili konstanta harmonio." Kant turniĝas singardeme al la regantoj, ke ili permesu al la filozofoj montri iliajn opiniojn, malfacile ja estis al li ordoni al tiuj estroj, regantoj de lia patrujo, ke ili obeu la filozofajn postulojn, ĉar estis klare al li, ke por la reĝoj estas necesaj politikmoralistoj, kiuj defendus kontraŭleĝajn kaj maljustajn agojn.

Tiaj estas la principaj opinioj de Kant, kiun la mondo admiras kiel filozofon senriproĉan, al kiu la kategoria imperativo de lia animo ordonis serĉi la vojojn de l'vero kaj montri ilin al homaro.

Poloj, kiel ĉiuj civilizitaj popoloj, ĉiam laŭdos kaj admiros tiun grandegan animon, kaj kun li ĉiujn grandajn filozofojn, poetojn, geniajn muzikistojn, grandajn sciencistojn, kiujn la vasta patrujo germana naskis, de kiuj ĝi estas prave fiera kaj kiuj aldonis al la granda trezorejo de l'homaro tiom da valoraj riĉaĵoj, utilaj al tuta homaro. Serĉi la vojojn de l'vero, montri ilin al homaro, montri la vojojn al riparo — tia estas la fundamenta tono, kiu, laŭ Nitti, devas soni en la ĵetita en la mondon lia verko: „Eŭropo ĉe la abismo."

Analizinte la trakuron de la granda milito, analizinte la kontraktojn kaj antaŭ ĉio la kontrakton de Versailles, li plendas pri maljustaĵoj, kiuj frapis la popolon germanan, lin teruriĝas la timigaj konsekvencoj por la civilizacio, kiuj nepre venos, se tiu kontrakto ne fariĝos nur peco da papero. Li vidas ĉion per germanaj okuloj, li aŭdas ĉion per germanaj oreloj, li fermas la okulojn je tio, kion la Germanoj ne volas vidi, li ŝtopas la orelojn por ne aŭdi tion, kion la Germanoj ne deziras aŭdi. En tiu verko Nitti ne estas Italo — li estas Germano anime kaj korpe, kiu volas la revenĝon tian, kian kelkaj Germanoj revas kaj intencas akiri, kiu malŝatas la „malplivalorajn" (minderwärtige), laŭ lia opinio, naciojn, tiel, kiel la Germanoj, precipe Prusoj, malŝaton sian al ili ĉiam sciis kaj scias montri.

„Ŝtonoj de ofendo“ por la Germanoj — Francujo kaj Polujo — estas antaŭ ĉio ŝtonoj de ofendo por li. — „Polujo neniam en daŭro de sia historia vivo“ — skribas Nitti — „elmontiris sian vivpotencon kaj memstaran viveblecon.“ Li forgesas pri tiuj tempoj, kiam Polujo estis la antaŭmuro por Eŭropo kontraŭ la hordoj de Tataroj kaj la tempojn de memstara daŭra rezisto kontraŭ la ondo germana, li forgesas pri la grandiozaj tempoj Jagiellonaj, kiam Polujo antaŭiris en Eŭropo dank' al kulturo, toleremo kaj ŝtata potenco. Por li Polujo ne havas idealojn, „nur Rusoj en daŭro de unu jaro havos armeon, fidelan al la idealoj, por venko de kiuj la rusa armeo batalos“. Ŝtono de ofendo por li estas la pola armeo, kiu estas devigita en nunaj cirkonstancoj gardi la memstarecon de Polujo.

Por li Polujo estas interna disfalo kaj anarkio. La limoj de Polujo, kiujn ĝi elhakis per propraj manoj, defendante sin kaj Eŭropon kontraŭ la ondego bolŝevista, kontraŭ detruo de Eŭropa civilizacio, por li tiuj limoj estas hontinda maljusto. Li forgesas, ke Polujo, kian li bonvole konservus, estus en unu oportuna momento per la ondego germana kun rusa bolŝevisto detruigata malgraŭ ĉiuj garantioj pri netuŝebleco.

Polujo forta kaj potenca, Francujo forta kaj potenca — jen estas ŝtonoj de ofendo. Li pensas, ke Polujo permesos, ke ĉiam ekzistu intrigoj, kiuj malebligos pacan kunvivon sur niaj orientaj limoj, ke ĉiam la kunagado de Germanoj kaj bolŝevikoj paralizos la polajn intencojn de paca kunvivo, ke ĉiam la Rusoj ludos la atuton, ke tiuloke estas la tero pure rusa, kiam sur tiu teritorio la loĝantaro estas fakte miksa kaj la Rusoj per ĉiuj procedoj rusigis kaj premigis ĝin kaj nun en siaj regionoj malgraŭ ĉiuj garantioj kaj certigoj rusigas kaj premegas. Ne la kontrakto versala aljuĝis tiujn limojn al Polujo maljuste, kiel pensas Nitti, sed Polujo elhakis la limojn, alvenante apenaŭ ĝis la duono de sia iama grandeco kaj grandanime rezignis poste, povante tamen iri antaŭen, por rehavi ĉiujn teritoriojn, kiujn ĝi havis antaŭ la tri dispartigoj. La konfirmanta aprobo de aliancaj potencoj nepre devis veni, kiel aprobo de fakto akirita kaj kiel rebonigo por la historia maljustaĵo, kiun la Rusoj faris al Polujo.

Plendas Nitti per germanaj larmoj kontraŭ la rebonigo farita en okcidenta Polujo, kolerante, ke tia „malplivalora“ nacio (minderwärtige Nation) kiel Polujo, povas regi kaj regas nun Germanojn; li diras, ke terura estas maljustaĵo, ke Germanoj, por veni la teron, kie naskiĝis Kant, devas trapasi polan „Koridoron“, tiel abomene kreitan dank' al hontinda versala Kontrakto. Li ne volas kompreni, ke tiu „koridoro“ estas tero de jarcentoj

pola, kun pola loĝantaro, ke la naskiĝloko de Kant estas germana kolonio sur la tero de ne ekzistanta nun kaj ekstermita gento de Prusoj. „Maljustaĵon faris la kontrakto versala dank' al separo de la kolonio de patrina lando", kvazaŭ dum en la tramigrado de iu ajn kolonio franca al la metropolo ne ekzistas malfacilaĵaj. Li forgesas la teruran krimegon, faritan al la pola popolo, kiam Prusujo ekdeziris havi senperan komunikon de la metropolo kun sia kolonio trans la kadavron de Polujo, trans la tiutempan polan aliron al maro, trans la nunan „koridoron" sur la tero tute pola.

La historian maljustaĵon rebonigis la versala kontrakto, tiu „hontinda peco de papero", kiel ĝin nomas Germanoj, kaj laŭ Germanoj ankaŭ Nitti. Polujo devas esti forpelita el tiu „koridoro" laŭ la germanaj deziroj al kiuj ili alĵetas minacojn, kaj Nitti minacas, ke tio devas nepre alveni, kiam Germanujo kuniĝos kun bolŝevista Rusujo al duafoja pereigo de Polujo.

Polujo, laŭ Nitti, nepre devas forlasi la „koridoron", ĉar Polujo ja havas garantiitan aliron al la maro dank' al Danzig'a haveno. Li forgesas, ke tia garantiita Danzig'a aliro al maro estas fakte ironio kaj nur fikcio, ĉar Danzig (Gdańsk), kiu memvole dum jarcentoj apartenis al Polujo, gardinta ĝin kontraŭ perfortaj kaj sangaj premoj de krucmilitistaj kaj kiu en Polujo vidis la solan protektanton, kiu dum sia kunvivo kun Polujo, en daŭro de jarcentoj, havis garantiitan plenan liberecon, al kiu Polujo donis riĉan bonfarton, alkondukis ĝin al floranta disvolviĝo, kaj neniaj persekutoj de germana lingvo kaj nacio en iu ajn tempo okazis, sed ĉiuj pretendoj de germana loĝantaro ĉiam estis subtenitaj, ĉar Polujo al Danzig estis ĉiam kvazaŭ vera amanta patrino — la urbo Danzig, kiam estis perforte prenita de Polujo dum la dispartiĝo, terure sian malfeliĉon eksuferis. Danzig, „la gepatra urbo de Schopenhauer", skribas Nitti, sed li forgesas, aŭ ne scias, ke la senperaj antaŭuloj de Schopenhauer el tuta koro deziris, ke tiu malfeliĉo ne trafu Danzigon, kaj ke ĝi restu pola haveno, kaj agadis kontraŭ Prusujo. Tiu urbo alvenis al florstato dank' al Polujo, kaj poste fariĝis nur duaranga germana haveno. En tiu urbo, la intrigo kaj propagando venanta de Berlino kaj Prusujo ekbruligis la sentojn ŝovinistajn kaj la malamegon kontraŭ Polujo, por la plej granda malutilo al Danzig mem, por kiu Polujo povus denove fariĝi bonintenca protektanto. Garantiita aliro al maro!?

Eksentis tion bonege Poloj dum la invado de bolŝevistoj! Oni ĵetadis tiam al iliaj piedoj ŝtonojn de turmentado, kiam oni pensis, ke Polujo estis pereinta, kaj oni ne permesis la necesan tiam importon, kaj ankoraŭ nun Polujo sentas ĉiam

ĉikanojn kaj diversajn intence faratajn malhelpojn kaj pro tio okazis necesa konstruo de propra haveno sur mallarĝa parteto de marlimo sur la tero, kies loĝantaro estas tute pola. Malesperon sentas Nitti, ke Silezio malgraŭ la plebiscito estis parte aljuĝita al Polujo dank' al kalkulado de voĉoj laŭ komunumoj. La providenca historia justeco faris, ke al Polujo. kiun Germanoj kaj Rusoj disŝiris, el kiu ili elsuĉis ĉiujn vivsukojn, kiu estis kolonizata de Germanoj, ke al tiu Polujo Germanoj estis devigitaj cedi pecon da pola tero, kiu ne de jarmilo apartenas al Germanujo, kiel skribas Nitti, sed kiu estis forprenita al diversnacia Aŭstrujo dum la sepjara milito, kaj ke la sorton de tiu tero decidigis la pola laboristo, malgraŭ ke Germanoj dank' al ilia perfekta organizo alkondukis de la plej malproksimaj partoj de l' tero por voĉdonado ĉiujn naskiĝitojn de Silezio, ĉiujn Germanajn oficistojn, kaj filojn de oficistoj, militistojn, ĝendarmojn, kiuj nur okaze de sia aŭ patra ofico eĉ plej mallonge en Silezio restadis.

Decidis la pola laboristo — ĉu la laboristoj anglaj, francaj k. t. p. ne devas esti fieraj pro tio? Sed dum la plej danĝeraj por Polujo momentoj dum la bolŝevista invado, kiam la bolŝevistoj alproksimiĝis al Warszawa oni protestadis kontraŭ la sendo de necesaj por Polujo milit- kaj vivŝarĝoj. Polujon savis nur la kuraĝo de la pola militisto, la braveco de la komandantoj, talento de la plejsupra komando, la helpo de Francujo kaj la unuanimeco de tuta pola popolo, kiu bravege restis sur sia posteno.

Hodiaŭ malfermiĝas la okuloj. Oni protestas, sed kontraŭ maljustaĵoj kaj kontraŭ premado en sovjeta lando. Por Nitti, kiel ankaŭ por la Germanoj, polaj liberiĝaj movadoj, ribeloj kontraŭ la premantaj nacioj en la polaj teroj—nomiĝas banditismo. Ke la popolo, kiu premas kaj premadis, sentante en profundo de sia koro la pekon kontraŭ la premitoj, plena de timo, tiajn movadojn tiamaniere nomas, tio ne estas miriga, tio estas komprenebla, sed ke la itala diplomato, kies popolo ne unufoje kontraŭ la premantoj de sia patrujo sin leviĝis kaj por liberiĝi de tiraneco fremda armiĝis kontraŭ la jugantoj, ke tiu itala diplomato nomu banditismo la liberiĝajn movadojn — tio estas treege miriga.

Ĉu la itala patrujo same nomus siajn movadojn liberiĝajn? Troa, vere, estas servemo de Nitti rilate la Germanojn. Estas malfacile kredi, ke tiun libron skribis Italo, pretendanta montri al Eŭropo la vojon por atingi daŭran pacon. Malfacile estas en unu artikolo en gazeto, kies amplekso ne permesas tion, elĉerpi ĉion skribindan. La polajn aferojn mi lumigis tiel, kiel mia konscienco al mi ordonis, konkorde al la

reala vero. Mi ne parolis el la alteco de tripiedo, sur kiun starigis la ŝtatisto por sian gravan vorton ĵeti en la mondon, aŭ el ŝajna alteco de fuŝerektita strata ligna tribuno, por inciti pere de stratkunvenaj krioj.

Mi skribis kaj parolis laŭ mia opinio tiel, kiel skribi kaj paroli devas homo modesta kaj simpla, ofendita en sia nacia sento kaj en sia sento homa de partia kaj malŝata traktado de sia patrujo. Kio rilatas Francujon kaj okupatajn germanajn teritoriojn, la altecon de riparpagoj, la faritajn dum milito ruinojn, ŝuldojn, ŝuldantojn kaj kreditorojn, troan favoradon de venkintoj, la agadon de aliancaj potencoj en nuna granda milito kompare kun la agado de aliancaj potencoj finigintajn la napoleonajn militojn — estu permesite al mi, simpla homo, kelkajn vortojn skribi. Unu estas certa por ĉiuj, ke la agado de la francaj ŝtatistoj estas gvidata antaŭ ĉio de la zorgo, ke ilia patrujo, sur kiun tiom da sortbatoj faladis, povu ekhavi la certecon, ke ĝi estos sendanĝera kaj ke proksimaj kaj pli malproksimaj generacioj ne vivu en konstanta atendado de tiaj kataklismoj, kiuj trafis la homaron dum la granda milito kaj dum la antaŭaj. La devo de riparpagoj estas peza devo por la devantaj pagi, sed kiam ni pripensos, kiaj estis la ruinigoj, kaj kiel kun antaŭpripensita celo ili estis faritaj por ruinigi la landon, kaj tiamaniere konduki la agadojn, ke post la milito ne ekzistu konkurenco por la Germanoj kaj ke Germanujo post la milito estu estro, kiu diktos kondiĉojn al tuta Eŭropo — mirego nin kaptas. Ni en Polujo ĉion vidis, kaj se ni eĉ ne aŭdus pri la ruinigoj, trafintaj Erancujon kaj Belgujon, tio kio okazis en Polujo, estas sufiĉa por taksi la ĝeneralan situacion. Apenaŭ la Germanoj eniris en Polujon, ĉia vivemo ekmortis, ĉesis laboro en ĉiuj metiejoj kaj entreprenoj, multe da fabrikoj estis elportitaj Germanujon, krom tiuj malmultaj, kiuj nepre devis labori por la germanaj militbezonoj, miloj da maŝinoj estis difektitaj per elpreno de noblaj metalpartoj aŭ forprenitaj sen eĉ plej malgranda preteksto — ĉiu kupro, oro, arĝento, ĉiuj provizoj de la lando estis forportataj, ĉiuj kabloj el subtero elŝiritaj, kaj se oni nur povus forpreni ĉiun teron kun fruktoj kaj produktoj kaj enpaki en fervojajn vagonojn, ankaŭ la tero estus forportota. La teron oni forpreni ne povis, sed ĉiuj produktoj estis ne por ni, ĉiu frukto alloganta la guston estis ne por ni, ĉiu ovo, kokino, bovido, bovino k. t. p. estis zorgeme notataj, elkalkulataj kaj forprenataj kaj por ĉio tio estis donataj nur senvaloraj paperetoj.

La Germanoj, veninte en la landon, kun antaŭmedito ĉiun industrion kaj fabrikadon detruis, por ke post la gajnota, kiel ili pensis, milito, ili havu malliberan kolonion, pagontan por la germanaj fabrikaĵoj kaj devigoton doni al la Germanoj produktojn de sia tero, kondamnotan al daŭra zorgo kaj malsato, sin nuntrontan je pano postmilita simila al tiu legenda jam „militpano" (Kriegsbrot) kiun donadis la Germanaj, forpreninte antaŭe ĉiujn aliajn vivrimedojn. Kiel ili agadis sur terenoj francaj, belgaj kaj aliaj, kiujn ili okupadis, tio estas konata. „La riparpagoj trapasas la pageblecon, kaj estas super la fortoj de la ŝtato germana", oni diras, kapitaloj mankas, ĉio ie forflugis. Se la riparpagoj trapasas la pageblecon, se ili estas super la fortoj de la ŝtato kaj estas absurde grandaj, la tempo tion montros, la ŝtatistoj kaj financviroj diros ilian gravan vorton kaj la malgrandigo de riparpagoj venos. Ĉu la ŝtatoj nuligos ambaŭflankajn ŝuldojn, ĉu Ameriko en bone komprenita propra intereso ankaŭ nuligos — la estonteco montros. Oni ne povas miri, ke Francujo, kiu por la militceloj kaj restarigoj postmilitaj estis devigata fari tiom grandajn ŝuldojn, ke Francujo postulas militrepagojn. Oni nur povus miri, ke Francujo agas tiel malhoneste kaj malnoble, en la okupataj teritorioj, kiel skribis Nittri. Sed se ni turnos nian atenton sur la lertan, ne malŝatantan diversmanierajn rimedojn, propagandon en kiu kelkaj Germanoj distingiĝas por fari, ke la malamiko estu malŝatinda, kaj ke forprenita estu al li la honoro, se ni nur pripensas, kion oni faris en Polujo, ne parolante jam pri pasintaj tempoj, sed nur de komenco de ĝia memstareco postmilita kun celo la honoron de Polujo kaj ĝian bonan nomon en Eŭropo kaj Ameriko detrui, se ni nur rememoros tiujn fotografaĵojn de kvazaŭ faritaj kruelegaj „pogromoj", kiuj estis fotografaĵoj el caraj tempoj en Rusujo, lerte por la kontraŭpola propagando trafabrikataj por celoj de kalumniado, se ni nur pripensas, kiel oni ĉiun eraron de Polujo disblovas al monstra grandeco, kiel oni silentas pri ĉiu nobla ago, aŭ ĝin mensoge aliformigas, se ni pripensos tiun amason da mensogoj kaj kalumnioj, bakitaj en la fabrikejo germana kaj bolŝevista — ĉu ne surŝovas sin obstine la konvinko, ke ĉio, kion oni ĵetis en la mondon pri Francujo estas propagando, erariganta la tutan mondon kaj la germanan popolon, kies animon oni volas teni en ĉiam bolanta malamo kontraŭ Francujo?

„Kiel malgrandaj estis la rebonigoj de aliaj militoj en komparo de tiuj de la granda milito" — plendas Nitti!! Ekzemple, la miito de 1870, pri kiu parolas Nitti. Sed ni ja

bonege scias, ke ne Germanujo estis tiam ruinigita, sed Francujo, ke Francujo estis entirita en la militon dank' al perfida intrigo, ke Francujo perdis du siajn belajn provincojn, sed malgraŭ tio Francujo estis devigita pagi, kaj pagis teruran en tiuj tempoj sumon de kvin miliardoj, pagis honeste antaŭ la tempo difinita, por liberiĝi de okupanta ĝian teron malamiko. Kaj rebonigoj, pri kiuj parolas Nitti, post Napoleonaj militoj. La regantoj tiam precipe pri tio nur pensis, ke iliaj kronoj, sidantaj sur iliaj kapoj „pro graco dia", sin tenu forte, kaj ke ili malsuprenĵetu la kronon de Uzurpulo, kiu, verdire, estis jam sur la vojo de efektivigo en Eŭropo de eterna paco, dank' al konfedero de tiamaj Ŝtatoj, dank' al prezentiĝanta ebleco, ke la Ŝtatoj fariĝu unu organismo tuteŭropa, kiu povus ekhavi unu kodon devigan; sed la Uzurpulo dank' al sia fierego iris sur la vojon de dinastedziĝo kaj de la cedoj por dinastuloj, kaj ili lin forlasis kaj kontraŭ li ekmarŝis. La Uzurpulo ja konkirante la popolojn unuigis ilin, la patrolingvon ne elŝiradis, fabrikojn ne forprenadis por ilin en Francujon sendi, la industrion de konkiritaj landoj ne detruigis. Estis milito kontraŭ li, kaj la milito finiĝis per lia falo, al la gloro de tiuj, al kiuj ŝajnis, ke ili la mondon feliĉigis. Kaj estis feliĉa la mondo per feliĉo de apatio kaj senvolo, ĝis denove la franca revolucio ĝin vekis. Vekiĝis la popoloj hungara kaj ĉeha, pri kies ekzisto oni jam forgesis, sole oni nur penadis, ke estu forgesita la ekzisto kaj eĉ la nomo de pola popolo, kaj oni pensis, ke neniu potenco povos ĝin reviĝigi, dume ĝia poeto-profeto preĝis kaj profetis, ke venos iam granda eŭropa milito, kiu ĝin nepre revivigos. Kaj venis la granda milito, dum kiu la filoj de tiu popolo batalis en malamikaj armeoj, kie frato estis devigita pafi al la frato, sed la polaj komandantoj tiel direktis iliajn agadojn, ke unu parto de Poloj baraktis kaj luktis kontraŭ la potenco germana. Nitti skribas, ke malplej da rajtoj havas la pola popolo, ĉar Poloj ekhavis la liberecon „s e n i u a j n merito", ne sangante dum la milito. Tiamaniere komprenas la tragedian situacion Italo, devenanta de la Patrujo, kies heroaj filoj kune kun Poloj ilian sangon perdadis en polaj ribeloj. Tiamaniere povus nur skribi oficisto germana, kiu ordonadis la ribelantojn (kontraŭ Rusujo) senarmigi kaj fari al ili ĉiaspecajn malfacilaĵojn.

Por la celoj de propagando estis ĵetitaj en la mondon en esperanta traduko du verkoj „Al eterna paco" kaj „Europo ĉe la abismo." „Ni havis Mozeon kaj profetojn" — kriadis la Judoj. Ne estas sufiĉe havi profetojn. Oni devas

agi laŭ la ordonoj de profetoj, devige estas, ke en internaciaj rilatoj ĉeestu la kristanaj principoj de frata kunvivo, kaj ke estu aplikataj la Kantaj principoj por atingi la eternan pacon. Ĉu tiaj principoj, ke oni ne permesu, ke iu ŝtato aligu al si alian ekzistantan staton, ke ne estu permesitaj murdistoj, venenigistoj (gasoj venenigaj!), instigo al perfidado, ke neniu ŝtato miksu sin perforte en la regadon de alia ŝtato estas konsiderataj? Ĉu laŭ ili oni agas? Ĉu honesteco estas decidanta en rilatoj internaciaj? Ĉu ekzistas konstanta celado, ke en Germanujo estu harmonio inter politiko kaj moralo? Ĉu ne okazis bezono havi grandan aregon de pagitaj historiistaj, kiuj devis klarigi kaj senkulpigi la senmoralajn agadojn? La konscienco de ĉiu popolo, kaj precipe de la germana popolo, el kiu naskiĝis Kant, devas respondi je tiuj demandoj laŭ tiu kategoria imperativo, kiu kiel en la animo de ĉiu aparta homo, tiel en la kolektiva animo de ĉiu aparta popolo devas regi kaj doni ordonojn, ĉar ĝis tiu tempo ne ekzistos vojo al eterna paco, kaj Eŭropo, aŭ iu ajn alia parto de tero, estos ĉiam ĉe la abismo, ĝis kiam ne ĉesos blankigo de unuj kaj nigrigo de aliaj per la politikaj moralistoj, kaj ĝis kiam en la komplekso de internaciaj rilatoj ne estos deviga la pura principo de Kant: „Agu tiamaniere, ke vi povu konsenti, ke la principo de via agado fariĝu komune deviga leĝo, sen konsidero pri celo tia aŭ alia, sen konsidero pri persono, ĉu via, ĉu alia, sen konsidero, ĉu la agado koncernas vian aŭ alian popolon"

T. h.

*H. A. Luyken. Pro Iŝtar. Romano el la antikva Babela historio, originale verkita. Hirt & Sohn, Leipzig.*

Verdire la verkojn de H. A. Luyken oni ne devas priparoli el la vidpunkto de l'literaturo. Li mem eĉ ne tre tion deziras. Ĉar la literatura kritiko ofte akcentas problemojn, kiujn li opinias malgravaj, ĝi starigas postulojn, kiujn li ne deziras plenumi. Tamen liaj romanoj apartenas al nia literaturo, kiun ili eminente pliriĉigis kaj en kies historio havos sian gravan paĝon.

Sed S-o Luyken ne estas literaturisto. Malgraŭ ke la nove aperinta romano „Pro Iŝtar" estas jam la kvara, malgraŭ ke li en kelkaj literaturaj konkursoj ricevis premiojn — laste ĉe la Floraj Ludoj en Hispanujo — li ne estas literaturisto. Li estas tipa anglosaksa — malgraŭ sia germana deveno — sekta misiisto. Anstataŭ diri dimanĉajn predikojn li skribas romanojn. La verkado ne estas por li nepra, impulsa ago de l'talento, kiu devas sian potencialan

energion ŝanĝi en la statikan formon de beletria verko; liaj romanoj estas speciala formo de prediko, kiu per ĉiu paĝo al la leganto vokas laŭte: kredu Dion, plenumu Diajn ordonojn, por ke vi longe vivu kaj bonfartu sur la tero kaj post la morto atingu la regnon ĉielan.

Post tri romanoj montrantaj, kiel li prezentas al si tian vivprogramon en la XV jc., Luyken ekintencis prezenti ĝin en tempoj legendaj. Por tiu celo li elektis la duonfabelan, nomade-paŝtistan epokon de biblia Iob kaj en interesa kaj spirhaltiga maniero montras la venkon de obstine fervoraj fideluloj al Eternulo-Jehova super la krima idolana adorantaro de Babela Iŝtar.

La ŝanĝo de l'epoko utilis sendube por la artvaloro de la nova verko, ĉar pli facile estis — sur la bazo de tre konsciencaj historiaj studoj — imagi al si la primitivan vivon de nomadoj ol sintezi la komplikitecon de nuntempaj vivfenomenoj. La bildoj en „Pro Iŝtar" ŝajnas tial senkompare pli plastikaj kaj veraj ol tiuj de „Paŭlo Debenham", „Mirinda Amo" kaj „Stranga heredaĵo", eble pro tio ankaŭ, ke ni la vivon en la tempoj de Iob povas al ni nur image prezenti kaj ĉe ĉiu bildo, speciale kiam ĝi estas dokumentita per aŭtoritato do Delitzsch, Garnier aŭ Piazzi-Smyth, ripeti: tio estas ebla, dume nian vivon ni konas kaj al la aŭtoro povas simple diri: ne, kara sinjoro, tiel ne estas!

Danke al tiu plifaciligo — rilata cetere — la verŝajneco de la lasta romano estas pli granda ol ĝi estis en la antaŭaj verkoj.

Plua faktoro por plialtigo de l'arta valoro de „Pro Iŝtar" estas la evidenta progreso en la disvolviĝo de verkista lerteco de l'aŭtoro. Ĝi montriĝas same en la interna konstruo de l'romano kiel en la pentrado de karakteroj. En la antaŭaj verkoj S-o Luyken ne observis la esperantan regulon pri „neceso kaj sufiĉo" kaj ŝatis enkonduki en la romanon ian personon aŭ intrigon, ne havantan motiviĝon de nepra bezono, kaj poste ne sciis, kion kun ĝi fari — tio ofte similis fortepianon aĉetitan de persono ne scianta ĝin ludi: staras tia bruto en la ĉambro inter la meblaro, okupas senutile la lokon kaj kaŭzas nur ofte nazrompon. „Pro Iŝtar" estas en tiu rilato senriproĉa. Neniu motivo, neniu persono estas superflua, ĉiu havas logikan rajton de ekzistado. Ankaŭ la maniero de karakterizado de personoj estis altagrade ŝanĝita: anstataŭ la silueta skizado, la aŭtoro komencas nun nuanci, ĵeti duonlumojn kaj ombrojn, provi eĉ aliajn kolorilojn kaj danke al tio la personoj aperas pl

plastike, estas pli veraj, pli homaj. Ne malaperis ankoraŭ la prefero al du ĉefaj koloroj: blanko kaj nigro, sed la sufiĉe kuraĝa uzado de iliaj miksaĵoj esperigas, ke por la estontaj verkoj la paletro de S° Luyken pliriĉiĝos per aliaj ankaŭ koloriloj.

Tiujn verkojn ni atendas. Vidante la konstantan disvolviĝon de l'talento de nia eminenta verkisto ni atendas kun plena konvinko, ke ĉiu sekvanta verko estos pli valora ol la antaŭaj.

Nur en unu direkto oni ne povas esperi progreson ĉe So Luyken. Tio estas la lingvo. Ĝi estas tiel kristala, pura, Zamenhofa, ke plua disvolviĝo preskaŭ estas neimagebla. Post la stila bolŝevismo de nia gazetaro oni kun vera plezuro ĝuas la „elstare" fundamentan lingvon de S-o Luyken. Eble nur tiu, iom preferata de la aŭtoro esprimo „elstara" estus anstataŭiginda. **Baroko.**

*Albrecht Dürer. 28 bildoj kun biografio de Hans Koch, Sudgermana Esperanta Eldonejo Oskar Ziegler, Deinishofen bei München 1924.*

Ŝajnas, ke verkoj de artistoj tiuspecaj, kiel muzikistoj, pentristoj, skulptistoj, ne bezonas havi tradukistojn alilingvajn. La koloroj, konturoj, tonoj kaj sonoj devas ja esiti ĉiuloke komprenitaj, ili do estas jam kvazaŭ internaciaj. Sed ĉiu popolo havas nur propran al li aspekton, kaj la individueco de la artistoj kaj komponistoj estas diverseca kaj dependanta de la individueco de tiu popolo, kiu tiujn artistojn naskigis.

Treege dezirinda iniciato estas farita. Aperis biografio de Albrecht Dürer, ornamita per 28 bildoj el verkoj de la majstro Dürer, kun klarigoj de Hans Koch. La biografio konciza kaj ekzakta, la elekto de la verkoj de Dürer trafa kaj donanta klaran kaj sufiĉan ideon pri tiu granda geniulo germana, kiu ekkomencis, verdire, la pentrarton germanan. Brilanta karakterizigo, precipe de la vizaĝoj kaj tipoj vivaj, forta kaj konciza, kaj plena da esprimo kaj penso, iafoje trairanta kvazaŭ en italan revan dolĉecon, kiel en „Kristo sur Kruco", kie tamen senmezura doloro kaj sufero estas samtempe videbla, dum ĉe multaj italaj majstroj ni ĉeestas ofte nur teatran ekspozicion.

La formo de tiu verko estas bela, papero bona, preskaŭ eleganta, prezo malkara.

Ĉiuj-ĉi ecoj devas kaŭzi, ke tiu verko fariĝu ornamo de esperantaj bibliotekoj kaj sin trovu ankaŭ en privataj loĝejoj, meze de la albumoj de diversaj majstroj. Krom tio, la eldono de tiu verko devas veki ankaŭ en aliaj landoj

la iniciaton, ke la verkoj de iliaj majstroj, ekzemple francaj, anglaj, italaj, polaj, holandaj k. t. p., trovu konvenajn klarigistojn kaj eldonistojn, karakterizontajn iliajn majstrojn, kaj donontajn ne malplibelajn gravuraĵojn ol tiuj, kiujn ni vidas en la verko pri Albrecht Dürer.

Ankoraŭ unu eta rimarko, ne pri arto, sed de nia esperanta vidpunkto. Ĝis kiam la Lingva Komitato kaj Akademio ne publikigos aliajn opiniojn, nin devigas lingvaj reguloj ĝis nun aprobitaj pro la disciplina rigoro en niaj vicoj kaj por la bono de kara por ni ĉiuj lingvo Esperanto. Tia ekz. nomo kiel „Egiptio" povas veki malkomprenon. Nin devigas ankoraŭ „Francujo, Polujo, Germanujo", ni povas uzi ankaŭ „Egipto". T. K.

*André Honnorat. Unu el la problemoj de la paco. La sendanĝereco de Francujo. Tekstoj kaj dokumetoj. Paris „Idée Française a l'etranger" 1924.*

Per lerta, sed tre konscienca kunmeto de politikaj dokumentoj la aŭtoro pruvas nerefuteble la veron, ke la paco estas tiom longe neebla, kiom longe Francujo ne estos sendanĝerigita kontraŭ ĉiu atako flanke de ĝia najbaro. Post legado de verkoj devenantaj el aliaj — amerikaj, anglaj, germanaj tendaroj, la legado de tiu-ĉi broŝuro estas tre necesa. La pruvo bonege sukcesis, ĝi estas vere matematika. Bedaŭrinde la politika matematiko atestas la verecon de l'Einstein'a teorio pri relativo. Por Francoj du plus du estas kvar, kaj tion S-o Honnorat nerifuteble motivigis, por Angloj tamen kaj Amerikanoj tiu ĉi „du plus du" faras iom pli ol kvar, eble kvar kaj duono aŭ kvin, por Germanoj ankoraŭ senkompare pli multe. Kaj por ni, Poloj, ĝi estas apenaŭ tri kaj duono aŭ eĉ malpli.

La esperanta eldono — unua en la serio de eldonotaj alilingvaj tradukoj de la sama broŝuro — estas pro tio interesa, ke ĝi montras, ke Francoj ne tre simpatiantaj post la milito kun nia movado komprenas tamen la utilecon de Esperanto kaj kiam temas pri propagando de siaj celoj, scias ĝin uzi. Valoras tion memori por eventuale montri la nekonsekventecon de tia agado.

La stilo ĝenerale bona kaj facile komprenebla havas tamen kelkloke „francaĵojn". **Baroko.**



# Miesiąc esperancki.

Nawał kongresów esperanckich podczas lata roku bieżącego w rozmaitych krajach. Poza kongresem czechosłowackim w Rejchenbergu i południowo-słowiańskim w Spalato mamy do zanotowania: XII kongres niemieckich esperantystów w Nauen (Saksonja), IX włoski w Turynie i Weronie, międzynarodowy kongres katolicki w Wenecji (5—10 sierpnia), kongres słuchaczów szkół handlowych i przemysłowych w Portugalji (miasto Coimbra), XI kongres esperantystów katalońskich w Wich (8—10 czerwca), VI kongres węgierskich esperantystów w Szombathely.

---

Redakcja katolickiego esperanckiego pisma „Katolika Mondo“ przeniesioną została do miasta Zug w Szwajcarji. Adres: Internacio Katolika, Zug, Svisujo.

---

Litwini nie pogardzają Esperantem jako środkiem propagandy i stale go używają i nadużywają do swoich celów. W „Monde Esperantiste“, wychodzącym w Paryżu, znajduie się wzmianka co do gazety „Litova Stelo“, która wzrusza jakoby serca stałą odwagą, jaką odznaczają się litwini, chcąc zaznajomić obcych ze szłusznością swych skarg, co do których niestety, jak piszą, we Francji są jeszcze niedostatecznie i źle rozumiani.

---

„La Suno Hispana“, pismo esperanckie w Walencji, podaje, że esperantyści tamtejsi z wielkim zadowoleniem wysłuchali mowy króla angielskiego podczas otwarcia wystawy w Wembley, podanej drogą radjotelefoniczną, niezwłocznie po angielskiej mowie króla z tegoż Wembley, przez pana Epton w tłomaczeniu esperanckiem. Przekonano się wtedy, że jasność i czystość dźwięków, wysłanego za pośrednictwem fal hercowskich głosu ludzkiego w języku Esperanto jest zadziwiająco precyzyjna, co wskazuje na pożyteczność i niezbędność języka Esperanto, który bezwątpienia przyjetym zostanie jako język pomocniczy przy radjotelefonicznem przesyłaniu mowy ludzkiej pomiędzy krajami obcymi sobie językowo.

O tej że mowie słyszanej tegoż dnia w Potsdamie podobne szczegóły podaje „Germana Esperantisto“.

---

Międzynarodowa liga esperancka poczt, telefonów i telegrafów skierowała do hiszpańskiej federacji pocztowej odezwę, aby ta wyjednała u władz w Hiszpanji, aby te władze na nadchodzącym kongresie pocztowym, mającym się odbyć w stolicy Szwecji, poparły propozycję przyjęcia Esperanta we wszystkich biurach związku wszechświatowego pocztowego.

Wysokie władze hiszpańskie nadesłały odpowiedź w imieniu Jego Królewskiej Mości, że reprezentacja hiszpańska na kongresie otrzyma instrukcję poparcia tej sprawy, skoro ta wejdzie na porządek dzienny kongresu.

---

Druga komisja ligi narodów na posiedzeniu na ten cel przeznaczonem postanowiła 20. IX. r. b. zgodnie z propozycją D-ra Edm. Privat, popieranego specjalnie przez japońskich, chińskich i holenderskich delegatów, następujący wniosek przeznaczony dla rozpatrzenia i zadecydowania ogólnego zebrania ligi. „Liga narodów zaleca państwom członkom ligi, aby te zgodziły się przyznać prawa jakoteż odpowiednią taryfę językowi Esperanto, jako językowi w usługach telegraficznych i radjotelegraficznych pomocniczemu w międzynarodowych stosunkach obok języków narodowych, którymi dotychczas się posługiwano.“ Tegoż dnia ogólne zebranie ligi jednogłośnie ten wniosek zaakceptowało. Urzędowo wyłom w stosunku do Esperanta zrobiony. Sprawa przyznania praw językowi Esperanto jako językowi powszechnemu pomocniczemu odtąd wchodzi na właściwą i od tak dawna pożądaną drogę.

---

Kurjer Warszawski w dziale telegraficznym z dnia 21-IX podaje wiadomość o przyjętej na ogólnem zebraniu ligi powyżej wymienionej uchwale, a w licznych gazetach podawane były mniej lub więcej obszerne wzmianki o kongresie wiedeńskim, jako też o ostatnio odbytym w Warszawie V Kongresie Polskiego Tow. Esperantystów, w ilustrowanych zaś gazetach ukazały się odpowiednie zdjęcia fotograficzne z kongresu wiedeńskiego i warszawskiego.

---

Pokazały się na rynku obiegowym karty do gry esperanckie z insygnjami i emblematami wszystkich obecnie istniejących państw. Karty te sprawiają wrażenie dodatnie i przypuszczać należy, że znajdą odpowiednie uznanie, jako

artystyczna propaganda pacyfizmu. Alfredo Lombos, ich twórca, rzucił je na rynek, jak pisze, el vidpunkto de cop. própagando kaj pacifista luda sistęmo".

---

W sprawozdaniu wydanem przez Międzynarodowe Stowarzyszenie dla celów radjotelegrafji (Balteno de la Internacia Radio Asocio), w Nr. 3 z dnia 20-VIII r. b., czytamy, że liga amerykańska dla celów radja (American Radio Relay League) postanowiła również zalecić przyjęcie języka Esperanto, co sekretarz tej ligi p. Epton z Anglji zaleca podać do ogólnej wiadomości, aby na konferencji, która będzie miała mie sce w Paryżu, liczni esperantyści się stawili dla zadokumentowania, że w Esperancie sprawa języka międzynarodowego znalazła swe ostateczne rozwiązanie.

---

Kongres studentek w Chrystanji (1—6-VIII) wypowiedział się za esperantem, jako językiem międzynarodowym pomocniczym, odrzucając wszelkie inne języki, martwe, czy żywe.

# Komuniko.

## ELEKTOJ AL LINGVA KOMITATO.

Parizo, la 9-an de Julio 1924.

Estimata Samideano.

Laŭ instrukcioj de S-ro Prof-ro CART, Prezidanto de la Akademio, kiu, malsaniĝinte de kelka tempo, ĵus estis ĥirurgie operaciita, mi vin petas, ke vi bonvolu publikigi la ĉi-suban noton en la venonta numero de via gazeto.

Kun kora saluto
(—) *René de Lajarte.*
Sekretario de Prof-ro Cart.

## LINGVA KOMITATO.

*Elektoj*. (79 voĉdonintoj; — Plimulto: 40)

Estas reelektitaj, laŭ IV. 4 5, 1a de la Regularo, la sekvantaj elirintaj membroj:

S-roj Bünemann (74 voĉoj), Bulthuis kaj Fischer (71 v.), S-ino Flourens (Roksano) (70), S-ro Arnhold (69), S-ino Reed (Kellermann) (68), S-roj Rohrbach (67), Reed (66), Bianchini, Degon kaj Underhill (64).

Estas elektitaj, laŭ IV. 4. 5. 2a de l'sama Regularo la sekvantaj novaj membroj:

S-roj Rousseau (76 voĉoj), Kamaryt (75), Obruĉev (74), Baghy (72), Jodko (60).

## AKADEMIO.

La elekto en la Akademion por la posteno 11 okazos antaŭ la fino de Septembro

## Por Zamenhofa Monumento.

Sekvantaj personoj el Łódź sendis monoferojn:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Jan Barczewski | 5 | milionoj | mk. |
| Stanisław Braun | 15 | ,, | ,, |
| Tadeusz Braun | 5 | ,, | ,, |
| Władysław Drymer | 5 | ,, | ,, |
| Janina Lissnerówna | 10 | ,, | ,, |
| Remigjusz Męczyński | 20 | ,, | ,, |
| Włodzimierz Pfeiffer | 20 | ,, | ,, |
| Karol Pigłowski | 10 | ,, | ,, |
| | 90 | milionoj | pm. (50 zł.) |

## PRESERAROJ.

La leganto bonvolu korekti la sekvantajn preserarojn ensovigintajn bedaŭrinde en la 5 Nr. de nia gazeto:

Paĝo 33: Linio 4—5 de sube: de celoj ne ĉiam por diversaj registaroj oportunajn kaj agrablajn.

devas esti: de celoj ne ĉiam oportunaj kaj agrablaj por diversaj registaroj.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Paĝo 34: | Linio 24 de supre: | la sekvoj | devas esti: | la sekvojn |
| „ 39 | „ 10 „ | granda Triunuo | „ | granda Trio |
| „ 41 | „ 3 „ | Patro tria | „ | Parto tria |
| „ 43 | „ 15 de sube | Pereu senglave | „ | Pereu senglore |

Redaktoro kaj eldonanto: STANISŁAW KAROLCZYK

Redakcio kaj administracio: Warszawa, str. Królewska 19.
Funkcias nur lunde kaj jaŭde de 8—10 h. vespere.